51a Jaro — N-ro 5 — Septembro Octobro 1959a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-




Rechtstreekse verdeler van Brugge en omstreken

GARAGE CANADA

GULDEN VLIESLAAN 68 BRUGGE Tel. 34611

# Nia 45a U.K. en Bruselo 1960.

## Je fino de septembro jam 165 aliĝintoj

Je la 30a de septembro, la unua statistiko dissendota per la unua Komuniko al la belga gazetaro, menciis 165 aliĝojn.

Inter tiuj 165 aliĝintoj estas 62 belgoj.

Ni dankas tiujn sesdek du samideanojn, kiuj jam antaŭ la efektiva laborperiodo de la Kongreso sendis sian aliĝon kaj tiel pruvis sian fidon en la sukceso, kiun ĝi ja nepre devas akiri.

Je la 3a de oktobro, alvenis en nian landon S-ro G.C. Fighiera, la K.K.S. aŭ Konstanta Kongresa Sekretario, kiu ĉiujare, dum dek monatoj, helpas en la Kongresurbo mem la Lokan Kongresan Komitaton en la organizo de tiu ĉi plej granda evento de la Esperanto-movado.

Lia alveno signifas ke ni, nun jam, eliris la ĝeneralan preparan laboron, dum kiu multaj paŝoj estis farataj, multaj informoj akirataj, kiuj nun plifaciligos la findecidojn pri la programo kaj ties realigo.

Tiuj decidoj estas ekde nun kiel eble plej baldaŭ prenotaj.

Sed ĉiu komprenu ke estas tre malfacile preni kelkajn el tiuj ĉi decidojn, tiel longtempe ke la organizantoj ne havas iom-ekzaktan ideon pri la amplekso de la Kongreso mem, pri la nombro de la ĉeestontoj.

Ĉu oni bezonos salonegon kun 1.500, 2.000 aŭ 2.500 sidlokojn por la Inaŭgura Ceremonio ? Ĉu oni bezonos luadon de la teatro unu, du aŭ trifoje por la teatra prezentado ? Jen ĉiuj demandoj, al kiuj vi nun povas helpi trovi respondon kiel eble plej baldaŭan . . . per via aliĝo . . . aliĝo tuja ! . . . Per via propagando apud viaj familianoj, viaj amikoj, viaj samgrupanoj, viaj korespondantoj eksterlandaj.

Vi do helpu !

Kaj aliflanke, preno de decidoj fare de la L.K.K. signifas : laboro por la efektivigo de tiuj decidoj.

Multaj inter vi jam subskribis folion, per kiu vi akceptis bone difinitajn funkciojn, antaŭ kaj dum la Kongreso.

Pripensu : Ĝis nun tiuj folioj estis zorge flankenmetataj en bela granda koverto.

Sed nun ni ja baldaŭ malfermos la paperujon . . . devos malfermi la paperujon kaj serĉi kiu plej bone taŭgas por tiu aŭ alia tasko.

Ne miru do, se komence kelkaj, poste pluraj inter vi, estos alvokataj por kunlaboro iela.

Ke neniu inter vi, — tio estas mia sincera espero —, je tiu momento retiriĝu malantaŭ fumkurtenon . . . malantaŭ senkulpiĝon kian ajn ; precipe ne malantaŭ tiun de la " mi-ne-havas-tempon " . . . kiun ni vere aŭdas tro ofte en la ordinara ĉiutaga movado ; sed kiun oni ne povas ekaŭdigi kiam aliaj samideanoj, nome de la tuta belga samideanoro, prenis sur sin taskon gravan, kiun ili promesis plenumi ; tiun de la organizo, post 31 jaroj, de Universala Kongreso en nia lando

En tiu ĉi momento neniu rajtas rifuzi la kunhelpon. Neniu ankaŭ intencas fari. Neniu do faros !

Maur. JAUMOTTE.

# 45a universala kongreso de esperanto

Bruselo - 30/VII - 6/VIII/60

**Alta Protektanto : L. M. Baŭduino, Reĝo de la Belgoj**

N-ro 1 OFICIALA KOMUNIKO Oktobro 1959

**HONORA PROTEKTANTO :** Lia Moŝto Baŭduino, Reĝo de la Belgoj, akceptis esti la Alta Protektanto de la 45a U.K.

**ADRESO :** Por korespondado sufiĉas la adreso : « 45a Universala Kongreso de Esperanto, Bruselo (Belgujo) ». La telegrafa adreso estas : « Esperanto Bruselo ».

**PAGOJ :** Pagoj povas esti farataj al la « Banko de Bruselo », Bruselo, aŭ al ĝirkonto N° 1776.71 de « Universala Kongreso de Esperanto », Bruselo.

**(Noto de la redakcio :** La belgaj samideanoj tamen prefere pagu, ĉu al sia grupa kasisto, ĉu al la Kongresa Kasistino de sia Ligo).

**KOTIZOJ :** Ĝis la 31a de decembro validas la jenaj kotizoj : Kongresano : B. Fr. 450 ; Edzino de kongresano : B.Fr. 225 ; Studentoj kaj junuloj ĝis 20-jaraj : B.Fr. 150.

Individuaj membroj de U.E.A. rajtas rabaton de B.Fr. 50 ; edzino de individua membro : B.Fr. 25 ; sed ne la aliaj familianoj. La rabato ankaŭ ne valoras por gejunuloj, studentoj kaj kiu ajn alia kategorio de kongresanoj.

Por la dua periodo ĝis la 31a de marto, la kotizoj iĝas resp. B.Fr. 525, Fr. 265 kaj Fr. 185 kaj, por la tria periodo ĝis la 30a de junio : Fr. 600, Fr. 300 kaj 225.

**1-a BULTENO :** La 8paĝa elegante ilustrita Unua Bulteno, kun bildoj de Bruselo, listo de perantoj kaj provizora programo, estas senpage ricevebla kune kun aliĝiloj, ĉe la Landaj Asocioj kaj ĉe la Kongresoficejo.

**ANTAŬKONGRESO :** La oficiala Antaŭkongreso okazos en Arnhem (Nederlando) de la 27a ĝis la 29a de julio 1960, kun jena provizora programo :

Merkrede, la 27an : alveno de la partoprenantoj. Vespere : agrabla kunesto.

Ĵaŭde, la 28an : aŭtobusa ekskurso en la ĉirkaŭaĵo de Arnhem kaj vizito al la naturparko « Hoge Veluwe » kaj Van Gogh-muzeo. Vespere : vizito al la provinca domo kaj kultura vespero.

Vendrede, la 29an : vizito al la foiro en la urbo ; akcepto flanke de la urbestraro, rondveturado tra Arnhem. Vespere : Vizito al la paviliono en « Sonsbeek ».

Sabate, la 30an : Forveturo al Bruselo.

**GLUMARKOJ :** La dukoloraj kongresaj glumarkoj kun la kongresa emblemo estas aĉeteblaj ĉe la Landaj Asocioj, ĉe U.E.A. aŭ ĉe la kongresa oficejo, je la prezo de B.Fr. 30 por 3 folioj de po 25 markoj.

**STATISTIKO :** (ĝis fino de septembro) : Argentino 1 ; Aŭstralio : 1 ; Aŭstrujo : 4 ; Belgujo : 62 ; Brazilo : 5 ; Britujo : 10 ; Bulgarujo : 5 ; Ĉekoslovakujo : 1 ; Danujo : 4 ; Finnlando : 1 ; Francujo : 12 ; Germanujo : 5 ; Hispanujo : 2 ; Hungarujo : 1 ; Italujo : 6 ; Japanujo : 3 ; Jugoslavio : 6 ; Kuvaito ; 1 ; Maroko : 1 ; Monako : 2 ; Nederlando : 5 ; Norvegujo : 3 ; Nov-Zelando : 1 ; Polujo : 11 ; Svedujo : 5 ; Svisujo : 5 ; Urugvajo : 1 ; Usono : 1. Entute 165 el 27 landoj.

G. C. FIGHIERA, K.K.S.


Verreries et Miroiterie DESMECHT & C°

LA LOUVIERE S. P. R. L. Tel. n-roj 223.01 - 225.37

Du esperantaj markoj :

TABULO, por lernejtabuloj ; KATOKULO, por signalvitroj.




## GRAVA EKSPOZICIO EN CHARLEROI

En la kadro de la " Salon des Arts Ménagers ", la Karloreĝa Grupo Esperantista de Charleroi, sukcesis akiri la permeson organizi Esperanto-Ekspozicion, kiu ampleksos cent kvadratmetrojn.

Ni ekscias ke, dank'al kunlaboro de niaj diversaj grupoj, S-ro G. de Cuyper, la vigla prezidanto de la Grupo, kaj liaj kunlaborantoj sukcesis plenigi tiun iom grandan spacon.

Ili do povas atendi plenfide la alvenon de la 500.000 vizitontoj de tiu ĉiufoje sukcesplena Ekspozicio.

Sed ni atentigas niajn legantojn pri la fakto ke, meze de la ekspozicia periodo, dimanĉon, la 8an de novembro, estas antaŭvidata Esperanto-tago, kun jena programo :

Je la 16a : Akcepto fare de la aŭtoritatuloj. Gazetara intervjuo ; Honora vino.

Je la 16.30a h. : gvidata vizito al la " Salon des Arts Ménagers ".

Je la 18a h. : Franclingva parolado propaganda de S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, pri " Esperanto, langue universelle ". Projekcio de du kolorfilmoj.

Delagacioj de esperantistoj el la diversaj regionoj de nia lando estas anoncitaj. Ĉiu klopodu partopreni en tiu tago !


la kondiĉoj estas la plej profitaj

kaj la servoj la plej personaj ĉe




tio estas la sekreto

de gia rapidega progreso

Asocia sidejo : ROESELARE

Noordstraat, 38 Belgujo

Firma Van Iseghem & Verstraeten,
P.V.B.A.
St Bernardse Steenweg, 631 Hoboken

vitraloj - speguloj - „securit" vitro
kolorigitaj vitroj
aluminiaj senmastikaj stangoj por kupoloj
vitro-cemento por tutvitra-konstruaĵoj
mastiko

telefoon 37.88.20

Via aliĝo al la 45a U.K.

Por la membroj de la grupoj, la afero estas tute simpla : ili pagu la sumon de sia kotizo al la poŝtĉekkonto de sia grupo. Tiun numeron ili trovos en ĉiu kajero de nia revuo, en la " Belga Kroniko ", sub la rubriko de la Grupo.

Por la aliaj, la individuaj membroj . . . aŭ eĉ por la ne-liganoj, tiuj kiuj iam apartenis al nia Ligo sed ne plu estas membroj aŭ tiuj kiuj neniam aliĝis al nia Ligo, ili pagu al la poŝtĉeknumero de nia Kongresa Kasistino, kiu estis, en la antaŭa numero, ERARE citita.

Tiu ĉi numero estas : 2368.04 S-ino J. Plyson, Jourdanstrato, 185 BRUSELO.

Se vi parolas pri Strovi... vi pensas pri viandaĵejo. Se vi pensas pri viandaĵejo... vi aĉetas ĉe

STROVI

Vlamingstraat, 48 BRUGGE

STROVI - Varoj :
GARANTIO pri
bona kvalito
kaj bona prizorgado

Telefono : pogranda komerco 34559
detala » 33408

STROVI estas unuaranga !



## TEATRO KAJ UNIVERSALAJ KONGRESOJ.

En in antaŭa numero, ni represis el la Kongreslibro de Mainz liston de teatrajoj luditaj dum niaj U.K. kaj ni klopodis kompletigi tiun liston, certe aldonante " Hamlet ", luditan en Antverpeno en 1928 kaj kiu ne estis enlistigita.

Intertempe ni ricevis leteron de S-ro A.W. Thomson (pli bone konata sur la pseŭdonimo de AVOTO), kiu el Britujo sendis al ni multajn pliajn detalojn, ankaŭ pri la tradukintoj de la verkoj, kiujn ni ne speciale citis kaj kiuj, kiel konstatas Avoto " faris valoran servon al nia literaturo ".

Jen do la aldonotaĵoj :

1a: 1905 BULONJO: Edziĝo Kontraŭvola, Molière (V. Dufeutrel)
Mensogo pro Amo. ? ? ? (Paul Bourlet)
2a: 1906 GENEVO: nenio aldonota
3a: 1907 KEMBRIĜO: Boks kaj Koks, M. Morton (Chas. Stewart)
Bardell kontraŭ Pickwick, Ch. Dickens (Wm. Morrison)

Ankaŭ dum la posta vizito de la Majstro al Londono, oni ludis komedion, verkitan de Oliver Gildsmith : « Ŝi klinas por Venki ».

4a: 1908 DRESDENO: Ifigenio en Taŭrido (trad. L.L: Zamenhof)
5a: 1909 BARCELONO: Mistero de Doloro, Gual (Pujula de Vallés)
6a: 1910 VAŜINTONO: kiel plaĉas al Vi, Shakespeare (Ivy Kellerman)
7a: 1911 ANTVERPENO: Kaatje, Paul Spaak (W. Van der Biest)
8a: 1912 KRAKOVO: Mazepa, Slowacki (A. Grabowski)
La Urso: nenio aldonota
Halka (opero), Moniusko (A. Grabowski)
9a: 1913 BERNO: nenio aldonota
11a: 1915 SANFRANCISKO: Perfekta Kuiristino, B. Hentsch (E. Ramo)
Ramo estas pseŭdonimo de S-ino Maria Milson, la tradukintino de Fabiola
12a: 1920 HAGO: Juĝa Kunsido en 1813 estis dramo, kaj Muzikvespero en 1813 estis komedio, t.e. du apartaj prezentaĵoj, ambaŭ originalĵoj de F-ino J. Pabst
13a: 1921 PRAGO: Nokto en Karluv, Tyn Vrchlicky (Miloŝ Lukaŝ)
15a: 1923 NUREMBERGO: Natan la Saĝulo, Lessing (Karl Minor)
16a: 1924 VIENO: nenio aldonota
17a: 1925 GENEVO: nenio aldonota
20a: 1928 ANTVERPENO: Hamleto, Shakespeare (D-ro L.L. Zamenhof)
22a: 1930 OKSFORDO: nenio aldonota
24a: 1932 PARIZO: D-ro Knock, Jules Romains (Pierre Corret)
28a: 1936 VIENO: nenio aldonota
30a: 1938 LONDONO: Eliza Restas, H.H. Esmond (G. Badash)
35a: 1950 PARIZO: Angla Lingvo sen Profesoro, Tristan Bernard (Gaston Moch)
« Nokto de la Viroj » nenio aldonota
40a: 1955 BOLONJO: La Revizoro (trad. D-ro L.L. Zamenhof)
41a: 1956 KOPENHAGO: La Vivo estas Bela, Leck Fischer (Antonius Andersen)
Ruĝa kaj Griza, Soya (Gustav Kühlmann)
La Kverelbirdo, Sven Klausen (Erling Windeballe)
42a: 1957 MARSEJLO: Georgo Dandin, Molière (D-ro L.L. Zamenhof)
43a: 1958 MAJENCO: Reaperintoj, Ibsen (Oscar Bünemann)
44a: 1959 VARSOVIO: « Pygmalion », Bernard Shaw
La Friponaĵoj de Skapeno, Molière (Jana Ravŝelj kaj Srdjan Flego)

La nomoj inter krampoj en tiu ĉi aldono estas tiuj de la tradukintoj.

# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
Poŝtĉeknumero : 726.54

La 4an de septembro, por enkonduki la novan laborsezonon, la prezidanto S-ro Maur. Jaumotte paroladis pri « Mi vizitis tri ĉefurbojn : Berlino, Varsovio kaj Praha ». Li skizis sian vojaĝon al la 44a U.E.K. en Varsovio, kaj sian revenon tra Ĉekoslovakujo. Per sia rimarkinda observokapableco, li kvazaŭ pentris antaŭ la okuloj de la multnombra ĉeestantaro la ĉiutagan vivon de la enloĝantoj de malantaŭ la fera kurteno kaj laŭ sia speciala humorplena maniero rakontis pri siaj renkontoj kun tieaj esperantistoj. Aro da lumbildoj plibeligis la paroladon longe kaj varme aplaŭdatan. S-ro L. De Marre dankis la prezidanton per trafaj vortoj.

La 11a donis la okazon al du membroj raporti pri sia libertempo. S-ino G. Debacker aviadile vojaĝis al Ĉekoslovakujo kaj per abundaj lumbildoj ilustris kaj komentariis tiun restadon en bela lando. S-ro R. Balleux raportis pri siaj ferioj sur la insulo Texel, konata nederlanda naturrezervejo. Belaj lumbildoj agrabligis tiun paroladeton.

Lunde, la 14an, en la lernejo de Belgiëlei komenciĝis la elementa kurso gvidota de S-ro L. De Marré. Kontentiga sukceso : 24 gelernantoj enskribiĝis. S-ro Maur. Jaumotte faris la kutiman, bonhumoran enkondukan paroladon.

La 18an, okazis la unua provprezentado de tri filmoj por la 45a U.E.K. en Bruselo. Ĉio ankoraŭ ne bone nek glate funkciis, sed tamen el la provoj kaj la rimarkoj de la publiko oni tiris la konkludojn kaj spertojn por pliperfektigi ilin same kiel la filmojn ankoraŭ efektivigotajn.

La 25an, kabareta vespero estis organizata, parte per magnetofo, parte sur la scenejo. Ĝin realigis la gelernintoj de la lasta kurso, kaj F-ino Cl. Peeters, jam malnova aktorino. La programo konsistis el diversaj skeĉoj interpretitaj kun plena entuziasmo de S-ino A. Van Overbeke, F-inoj M. Van Hoof kaj L. Van Overbeke ; S-roj A. Baten, A. Bijvoets, F. Goris kaj F. Van Oevelen. Ĉiuj estis varme aplaŭdataj. Ges-roj Andries meritas apartan mencion pro sia bona interpretado sur la scenejo.

La 2an de oktobro, D-ro P. Denoël, vicprezidanto de la Lieĝa Grupo prezentis kaj komentariis du memverkitajn kolorigitajn filmojn : la unua pri la ĵus okazinta U.E.K. en Varsovio, la dua pri pedagogia maniero por instrui Esperanton al infanoj. — tre rimarkinda kaj laŭdinda iniciato kiu sendube akiros sukceson. Por kompletigi la vesperon D-ro Denoël paroladis pri « Kion mi ŝuldas al Esperanto » kaj konigis sin ne nur kiel « pursangan » Esperantiston sed ankaŭ kaj precipe kiel « homon » en la vera senco de la vorto. S-ro Maur. Jaumotte varme dankis kaj laŭdis la paroladiston pro la belega vespero kiun ankaŭ S-ino Denoël afable ĉeestis kun S-ro Soveur, vicprezidanto de la Ligo. S-ro Denoël-filo, fervora esperantisto, ankaŭ lerte prizorgis la aparataron.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

OKTOBRO : la 23an : Mitulvespermanĝo ; la 30an : Radiofona Teatraĵo.

NOVEMBRO : la 6an : Kultura Distra Vespero, de S-ro Roger Jaumotte ; la 13an Parolata Jurnalo, gvidota de S-ro Fr. Schellekens ; la 20an : provprezentado de Esperante parolataj filmoj por la Universala Kongreso de proksima jaro ; la 27an : Vizito al Jurnala Presejo.

DECEMBRO : la 4an : Parolado de Prof. D-ro Ivo Lapenna ; la 11-an : Zamenhofa Vespero ; impona solenaĵo pro la 100a dareveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof ; la 18an : Kultura Distra Vespero, organizota de la membroj ; la 25-an : Kristnasktago, do ne kunveno ; sed dimanĉon, la 27an, posttagmeze : Kristnaska Festeto por la infanoj de la membroj.


G. FAES

16, Schoenmarkt, 16
ANTVERPENO

★ Por via MUZIKO
RADIO kaj GRAMOFONO




Se konsilojn vi povas aŭ volas doni . . .

Ne estas nur pro la fakto ke oni iĝas membro de L.K.K. por U.K., ke oni tuj akiras la monopolon de la bonaj ideoj rilate al la organizo de tia Kongreso.

La L.K.K.-anoj estos do ĉiuj individue kaj grupe kontentaj, se multaj volas sin turni al unu el ili por komuniki bonajn, realigeblajn ideojn.

Por faciligi tiun komunikon ni, — je la momento kiam komenciĝas la efektiva realiga laboro, — publikigas ĉi sube la nomojn de la L.K.K.-anoj por la 45a :

Maurice JAUMOTTE, prezidanto
Grégoire MAERTENS, vicprezidanto
Henri SIELENS, vicprezidanto
Marcel ROOST, rektoro de la Somera Universitato
Gian C. FIGHIERA, konstanta kongresa sekretario
René JACOBS, sekretario
Luc DE MARRE, sekretario
Roger JAUMOTTE, gazetara sekretario
Jean OLEFFE, kasisto
Julia PLYSON, membrino
Margriet WEYN, membrino
Rosette HUYSMANS, membrino
Jules VERSTRAETEN, membro
Fernand VOLDERS, membro

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo**
(Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

La 4an de septembro, malgraŭ la belega somera vetero, komenciĝis la vintra agado per komitata kunveno, kiu fiksis novan laborprogramon. Pri tiu ĉi estis detale raportata dum la ordinara kunveno de la 8a.

La 15an de septembro la kunveno okazis lastfoje en la provizora kunvenejo « Concordia » kaj la 22an la nova kunvenejo « Strijdershuis » estis inaŭgurata per publika filmvespero enkonduke al la nova kurso. S-ro Ch. Poupeye, prezidanto, bonvenigis la ĉeestantojn kaj skizis la esencon kaj historion de nia lingvo. Poste li prezentis S-ron L. De Bruyne, sekretario de BEFA (Belga Esperantista Fervojista Asocio), kiu montris kaj elokvente komentariis du memfaritajn kaj belegajn kolorfilmojn : « La fervojo kaj la Brusela Ekspo de 1958a » kaj « La Fervojista Esperanto Kongreso en Linz 1959 ». La prezidanto poste prezentis ankoraŭ plian kolorfilmon faritan kaj pruntedonitan de D-ro Denoël el Lieĝo pri la 44a U.K. de Varsovio.

La 29an de septembro, en la sama ejo, malfermiĝis la nova kurso por komencantoj gvidata de la prezidanto. Kontentiga nombro da novaj gelernantoj enskribiĝis. Post tiu unua leciono okazis plia kunveno de la komitato. La dua leciono estis donata la 6an de oktobro, kaj post ĝi la novaj gelernantoj kaj la malnovaj gemembroj interkonatiĝis en agrabla kunesto. La tria leciono sekvis la 13an de oktobro, post

ARTMEBLOJ STILMEBLOJ
KLASIKAJ MEBLOJ MODERNAJ MEBLOJ

N.V. DE LATTER

Statiestraat, 29 EEKLO




Via presejo estu

H. De Baene-Sercu

DELAPLACESTRAAT 3
SINT-KRUIS (BRUGGE)

pro la rapida kaj bonkvalita laboro



# Atentu ĉiuj.

## Esperanto-oficejoj en la Centro de la Ĉefurbo

Antaŭvide al la laboroj por la 45a Universala Kongreso, la L.K.K. luprenis en la centro de la urbo Bruselo, apartamenton, en kiu povos esti efektivigataj ĉiuj preparlaboroj : kaj en kiu, samtempe, loĝos la K.K.S., S-ro G. C. Fighiera.

La beletaĝa apartamento, en oficeja domego, situas inter la Namura Pordego kaj la Zavel- aŭ Sablon-placo, kie kunvenis antaŭe la Brusela Grupo, nome en la Kleine Karmelietenstraat, 9, rue des Petits Carmes.

Ĝi konsistas el kvar ĉambroj, du grandaj, je la fasada flanko : unu, kiu estas ekde nun la ĉefoficejo ; alia, loĝejo de la K.K.S. ; kaj du pli malgrandaj, je la alia flanko de la halo, en kiuj povos esti stokataj la dokumentoj kaj pakaĵoj, ktp.

La apartamento havas centran hejtadon kaj lifton. Kaj la L.K.K. havas tie specialan telefonnumeron : 12.13.70.

Estas en tiun ĉi esperantan ĉambraron, ke estos vokataj la kunhelpantoj dum la proksimaj semajnoj kaj monatoj.

Ni esperas ke multaj vizitos la domon, ne nur por vidi en kiu atmosfero evoluas la laboro . . . sed por partopreni kaj por bani en ĝi.

---

kio, la ĉeestantoj partoprenis en la ordinara kunveno, kiu okupiĝis pri: 1) disdivido de la vendotaj kartoj por la balo de la 7/11, 2) E. ekspozicio kaj E. tago en Charleroi 8/11 ; 3) 45-a U.K. en Bruselo 1960.

**Programo por la venontaj kunsidoj**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la nova kunvenejo « STRIJDERSHUIS », Hallestraat, 14, Tel. 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu kunveno: leciono de la elementa kurso; dum la dua horo: kunsido por ĉiuj gemembroj, novaj kaj malnovaj, kun jena programo:

LES ENTREPRISES
DERKS
226, Rogierstrato, BRUSELO
Tel. : 15.19.92
Entrepreno de
KONSTRUAĴOJ

DECEMBRO: 1-an: Legado de B.E.; merkredon la 2an : Parolado de Prof. D-ro Ivo Lapenna ; 8-an: Sta-Nikolaofesto; 15an: Zamenhof-festo; 22an: Parolata gazeto; 29-an: Kiel mi fariĝis esperantisto (raporto fare de ĉiuj gemembroj.)

JANUARO : 5-an: Festado de la Tri Reĝoj; 12-an: Legado de B.E.; 19-an: Ĝenerala jarkunsido: Raportoj, elekto de la komitato, Petoj kaj proponoj; 26-an: Kanta vespero.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)

Lundon, la 31an de aŭgusto, F-ino Kestens gvidis la diskutvesperon kaj por la unua fojo ŝi paroligis ĉiujn. La vespero estis agrabligata de pluraj iompriĝeedziĝaj demandoj. La membraro multe amuziĝis.

La 7an, ni havis la honoron gastigi nian Ligan prezidanton, S-ro Jaumotte, reveninta de Varsovio transdonis al la laŭreato: S-ro Samyn, la tri diplomojn, kiujn li gajnis en la literatura konkurso. Nia Liga prezidanto ankaŭ transdonis al la grupo la oficialan flagon de la U.K. kaj li raportis pri la lando

## Unu el niaj membroj akiris tri premiojn !

Dum solenaĵo en la Brusela Grupo, nia Liga Prezidanto, havis la plezuron transdoni al membro de la Genta Grupo, sed kiu nun loĝas en Bruselo, la diplomojn, kiujn li gajnis en la Belartaj Konkursoj, kiujn U.E.A., ĉiujare, organizas en la kadro de la Universala Kongreso.

La laŭreato estas S-ro Albert Samyn, kiu gajnis la unuan premion en la fako " Originala Poezio ", la unuan premion ankaŭ en la " Originala Dramo " kaj la trian premion en la " Tradukita Poezio ".

Ĉar S-ro Samyn ne ĉeestis la Universalan Kongreson en Varsovio, la belga delegacio kunportis la diplomojn kaj S-ro M. Jaumotte tre kore kaj varme gratulis la premiiton, kiu ĉeestis la kunsidon de la Brusela Grupo.

La feliĉa laŭreato estis multe aplaŭdata de la ĉeestantaro.

---

pola, ĝia popolo kaj vivo. Li rakontis la efektivigon de la 44a U.K. kaj ĝian sukceson; poste li montris al ni serion da epidiaskopaj lumbildoj. Li akiris plenan sukceson, flanke de la multnombraj ĉeestantoj.

La 14-an, F-ino Isaacson prelegis pri la origino de la sukero. Ŝi pritraktis la strangajn apotekajn uzojn de tiu ordinara materialo, kaj ŝi gustumis al ni pecetojn de duspecaj sukeroj, la beta kaj kana.

La 21-an, perfektiga kurso gvidata de S-ro van der Stempel. Nia plensperta profesoro instruis nin la diferencojn inter -ata kaj -ita.

La 28-an: lasta serio de la konkurso « BAS », dum kiu gajnis S-ino Baudour. Ankaŭ partoprenis G-roj Baudour, Eiselein, Ross kaj Dewerchin. Ni jam povas diri ke la plej altnivela prelego estis tiu de S-ino Ernst. Gratulojn al ŝi.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

Ĉiulunde, je la 20a h., en I-a etaĝo de hotelo Monico Nord, 2, Brabantstrato (placo Rogier), Bruselo Ia (tel.: 15.26.01

NOVEMBRO : la 1-an: UNESKO DATREVENO: Disdono de la Premio de la Parolata Ĵurnalo; la 8-an: dimanĉe: Brusela partopreno al la Esperanta Tago kaj Ekspozicio en Karloreĝo; la 9-an: EKI-Vespero: Fare de S-ro De Bruyne, BEFA prezentos du filmojn: « IIa IFEF Kongreso », « Fervojoj kaj Ekspo »; la 15-an: dimanĉe: Jara Festeno, en Monico Nord; la 16-an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der Stempel; la 23an: Amuza vespero, gvidota de S-ino Ernst; la 29-an: dimanĉe, je la 15a h.: EKI-Zamenhofa Festo, en « Commerce Liedst », 24, placo Liedst, Bruselo 3a; la 30-an: Konkurso Bas: transdono de la premio al S-ino Ernst, kaj reaŭdigo de la sonbendo.

DECEMBRO : jaŭdon, la 3an: Parolado de Prof. D-ro Ivo Lapenna; la 7-an: Parolado de S-ino Lecat (unua parto); Doktoro Albert Schweitzer; la 14an: Parolado de S-ino Lecat (dua parto): Doktoro Albert Schweitzer; la 21an: Perfektiga Kurso, fare de S-ro van der Stempel; la 28-an: Sankta Silvestra Festo.

Ĉar ni eniris la laborperiodon por la UNIVERSALA KONGRESO 1960, ni rezervas la rajton ŝanĝi, kiam ajn, la programon.

### LIEĜO

**Lieĝa Grupo Esperantista**

Sabaton la 25-an de julio, s-ro DERRICK FAUX, angla jurnalisto, haltis en Lieĝo, survoje al Varsovio, kie li devis, en la Universala Kongreso, prezidi fakan kunsidon de la Societo de Gefratoj.

Laŭ la peto de membroj de la grupo, li konsentis fari prelegon pri la Bruderhofaj Komunumoj. La temo, kiun li elektis estis: « Ĉu komuneca vivo estas ebla » ?

La oratoro, kiu ne celis propagandi por aliĝo aŭ fondo de societo de gefratoj, donis multajn detalojn pri la vivo en angla komunumo, kies membro li estas. Li tre afable respondis al multnombraj informpetoj de la aŭdantoj. Lia parolado ege interesis la tutan ĉeestantaron, kiu konsistis ne nur el membroj de la grupo, sed ankaŭ el aliaj esperantistoj aliĝintaj al aliaj movadoj, kore invititaj.



## Trilanda Renkontiĝo

La 12-an kaj 13-an de septembro 1959 okazis en Lieĝo la jara « TRILANDA RENKONTIĜO », kiu kunigis centon da partoprenantoj el Nederlando, Germanujo kaj Belgujo. Je nia granda ĝojo, ni vidis inter tiuj lastaj, krom la Lieĝanoj, membrojn de aliaj grupoj de R.B.L.E. Antverpeno, Verviers kaj Karloreĝo.

La sabata vespero estis dediĉita al paroladoj pri D-ro Zamenhof, okaze de la Zamenhof-Jaro. S-ro Firmenich alportis la saluton de la germanaj samideanoj de la regiono Aachen ; S-ro Cock salutis la kongreseton nome de la Nederlandanoj de la Limburga provinco kaj s-ro Lemme parolis por la belgaj esperantistoj. Ĉiuj parolintoj estis varme aplaŭdataj.

S-ro Vanbreuse, profesoro en la ateneo de Verviers, membro de Belga Ligo, anoncis gravan kaj ĝojigan fakton : **li sukcesis akceptigi oficialan kurson de Esperanto, kiun li mem gvidas en tiu lernejo. Tio estas la unua paŝo por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn kaj pro tio s-ro Vanbreuse rikoltis belan ovacion.**

S-ro Burnelle prezentis amuzan skeĉon kaj rakontis plurajn anektotojn. Poste oni starigis tombolon kun multaj lotaĵoj. La vespero finiĝis per promenado gvidata de D-ro Denoël tra la urbo, speciale lumigita okaze de la Valonlanda festo.

Dimanĉon matene, la 13-an, okazis laborkunsido, sekvita de la akcepto en la Lieĝa Palaco, fare de la provinca konsilantaro. S-ro Brugman, konstanta deputito, ĉirkaŭita de s-ro Dereze, provinca registristo, membro de R.B.L.E. kaj de aliaj membroj de la provinca konsilantaro afable akceptis la samideanaron kondukitan de D-ro Denoël, kiu respondis. La konsulo de Nederlando ĉeestis ankaŭ tiun ceremonion.

Parolis ankaŭ delegitoj de Germanujo kaj Nederlando same kiel indoneziano. Ĉiuj paroladoj estis tradukataj de D-ro Denoël. Gaja babilado okazis, dum rondiris la pokaloj . . .

Posttagmeze, la esperantistoj retroviĝis en la kunvenejo por ĉeesti la prezentadon de la filmo rilata al la Universala Kongreso de Varsovio, filmo farita, projekciita kaj komentita de D-ro Denoël. Post tiu projekcio, s-ro Burnelle raportis pri la SAT-kongreso okazinta en Dortmund.

Iom post iom disiris la ĉeestintoj, inter kiuj multaj devis reiri al eksterlando. Ni citos nome D-ron C. Renken, el Bremen, veninta, kun sia familio, de tiu malproksima germana urbo.

---

## Ekzistencialistaj herooj

Ne temas pri novelo kun travivaĵoj en la specialaj keloj de Parizo.

Ne, estas la du unuaj vortoj de libreto dulingva, kunmetita de Colette Llech-Walter kaj eldonita de « Kultura Esperantista Centro », 5, Quai Vauban, Perpignan (Francujo) kie ĝi estos aĉetebla je prezo de Fr.Fr. 250 . . . Sed mendebla ĝi cetere estas ĉe nia Instituto.

La plena titolo estas « Ekzistencialistaj herooj en la Literatura Verko de J.P. Sartre ». Prof. Canuto, prezidanto de U.E.A. skribis por ĝi interesan antaŭparolon.

En tiu ĉi libreto, en franca kaj esperanta lingvoj, Colette Llech-Walter sukcesas prezenti la esencon de la penso de Sartre ankaŭ al tiuj, kiuj malmulte aŭ tute ne konas la verkojn de tiu aŭtoro. Kaj ke ŝi plene sukcesis en tiu ĉi tasko, estas la plej granda laŭdo, kiun oni povas fari de la verketo.

Alia merito estas ke la juna verkistino, kiu estas la filino de la prezidanto de la franca esperantistoj, per tiu ĉi verketo, montras al skeptikuloj, ke nia lingvo ne estas ĵargono maltrafa, sed kontraŭe ke ĝi kapablas esprimi perfekte ĉiujn nuancojn de la penso, kiujn ili trovas en la franca teksto.

Se ni aldonas ke la esperanta teksto estas stile, same bele prizorgata kiel la franca, ni estas dirintaj la tri plej gravajn kialojn, pro kiuj ĉiu mendu tiun ĉi libreton, pro kiu ni gratulas vere kore la aŭtorinon . . . kaj, — kial ne, — la patron, certe fieran pri lia filino !

## Naturalismo kiel Doktrino Interlingvistika

de Peter Beiszwanger (de la universitato de Tübingen)

La nombro de L.I.-projektoj ne estas tiel granda kiel ni ofte timas. En vero, estis nur 6 signifaj projektoj ĝis nun : Volapük. Esperanto. Ido, Interlingue (Occidental) kaj Interlingua. La kaŭzo pro kiu ĝuste tiuj projektoj efikis. estas ke ĉiu el ili portis kun si iun tute novan ideologion. Volapük : plej granda perfekteco ; Esperanto : pleja simpleco : Ido : maksimuma logikeco ; Occidental : plej granda naturaleco kaj Interlingua : naturaleco kiel sola standardo. En sciencaj rondoj la naturalismo akiras hodiaŭ pli kaj pli da komprenemo. Do, ni ne povas preteriri la devon okupi nin pri la tezoj kaj konceptoj de niaj naturalistaj duonfratoj.

La naturalismo ekzistiĝis tuj post la apero de Volapük (1879) kiel reago aŭ antitezo al ties artefariteco. Vi eble scias ke la akademio de Volapük, sub la gvido de Woldemar Rosenberger de Petersburg, transformis la projekton de Schleyer ĝis 1900 al tute alia, ekstreme " naturala " projekto, eĉ pli " naturala " ol Esperanto. (Forigo de la komplikita gramatiko, enkonduko de kelkaj sciencaj vortfar-metodoj per — tion, ktp.). Tiel ekestis Idiom Neutral kaj Reform-Neutral. Jam tiam kunlaboris Edgar de Wahl el Reval, unu de la ĉefaj reformantoj, unue Volapükisto, poste Esperantisto kaj ano de Rosenberger. Lia ideo : adapti la derivadon al la Latina derivado tiel ke oni akiras vortojn tute " naturalajn " :

formar, formation, reformation, reformator, informatori, formabil, conform, formate, deformar, informativ, formeceder, concession, precedent, recessiv, succeder, success, successiv, necesse, procession, venir, convenir, convenient, convenientie, convention, convent, ivention, provenientie, evenir, event, eveniment, advenir, advent.

Tia derivado ŝajnas senregula. Tamen de Wahl donis por ĝi regulon ne tro komplikitan laŭ kiu oni povas derivi

vider — vision, revisor, visibil
currer — curs, recursion, precursor, recursiv
exploder — explosion, explosiv
objecter — objection, objectiv
signar — signatura, signator, resignation
crear — creation, creator, creatura, recreation
expedir — expedition, expeditor
repetir — repetition, repetitor

Li devas simple preni kiel radikon vid-, curr-, explod-, signa-, crea-, expedi-, repeti- kaj starigi kiel regulon ke oni ricevas de tio la infinitivon per -er aŭ -r, la estantecon per forigo de la r, la pasintecon per almeto de -t (oni ricevas la t.n. " tema perfectic ") kaj ke la sufiksoj -ura, -ion, -or, -iv estas por la verboj en -ir kaj -ar metitaj simple al tiu " tema presentic " :

*(daŭrigota)*



# Recenzoj

Aperis la **"Esperanta Antologio"** Poemoj 1887-1957 kolektitaj de William AULD. Eldonis " Stafeto " sub direktado de Juan Regulo-Perez, La Laguna, Kanariaj Insuloj. 648 paĝoj. Prezo : broŝ. 3.60 : tolbindita : 20 Us. Dol.

Mi kredas ke tiu-ĉi libro malkovros antaŭ la plej granda parto de niaj liganoj kaj legantoj tute ne konatan trezoregon. Ĝi donas de 90 verkintoj 357 poemojn. Se mi nun diras ke ĉiuj donis la pruvon esti veraj poetoj ; kaj se mi aldonas ke aliaj ankaŭ veraj poetoj ne havas lokon en tiu-ĉi antologio, mi pensas ke multaj gesamideanoj miregos : miregos ĉar ili ne sciis ke nia sole poezia literaturo estas jam tiel riĉa. De la Flandraj poetoj estas nur unu reprezentanto : Jan Van Schoor. Multaj inter ni bedaŭros ke Juul Karnas ne estas menciita. La Nederlandanoj same povas bedaŭri ke Catharina Roskes-Dirksen ne troviĝas tie-ĉi ; du sentoplenaj poeziartistoj. Ŝajnas-kaj mi ne havas motivon por ne kredi tion-ke W. Auld laboris dek jarojn al tiu antologio, kolektante la poemojn. Ni cetere facile povas imagi ke estis giganta laboro kiu necesigis multegan kuraĝon por pacience serĉi kaj serĉi kaj serĉi ĝis kiam li fine trovis la Dio scias kie kaŝitajn poemojn. Tiu-ĉi antologio efektive ne estas nura hazarda kolekto : sed ĝi estas historia kolekto. Cetere 12 paĝa historia skizo antaŭas ĝin. Ĝi komencas per Zamenhof kaj la unuaj pioniroj. Kiom da perloj de ili ne jam estis longtempe forgesitaj kaj metitaj en profundaj polvokovritaj ŝrankoj ? Tiurilate mi tamen miras pri io. Kial, je la komenco de la entrepreno, kaj poste de tempo al tempo, W.A. ne sciigis la legantan publikon pri sia celo ? Laŭ mia scio, tio ne okazis. En tiu kazo li estus certe ricevinta multegajn sendajojn. W. A. dividas la poemaron en tri partoj : primitiva romantismo, polurita romantismo kaj metafiziko.

Ĝenerale la kritiko malpraviĝas tiun dividon kaj ankaŭ mi ne komprenas ĝin ; eĉ opinias ĝin ne ĝusta. Kio estas polurita romantismo ? Pli pura, aŭ pli rafinita formo (laŭ la "Plena Vortaro")? Aŭ pli da disciplino, pli da sinrego en la esprimo de sentoj kaj pensoj ? Mi ne pensas ke Zamenhof, Grabowski kaj aliaj meritas la insulton ke ili malpli rafinite aŭ malpli " fajne " (laŭ la " suplemento " de la Plena Vortaro) faris. Ili faris laŭ sia gusto, laŭ siaj ideoj kaj sentoj kiuj estis la konceptoj de tiu tuta epoko. Kondamni tion egalus al kondamno de la tiutempuloj. Tio estus subjektiva kaj danĝera. Kiam W. A. diras rilate al Esperanto ke ĝi estis " la epoko dum kiu la poetoj komencis orientiĝi en la ne-elprovita lingvo kaj trovi la plej taŭgajn esprimrimedojn kaj la plej utilajn teĥnikajojn . . . " (p. 16) li ne forgesu ke multaj legantoj al tio respondos : " almenaŭ ni kapablas kompreni tiujn poetojn, dum ke la nuntempajn poetojn ..". La tria parto komenciĝas post la milito. Sed ekz. R. Schwartz restis la sama antaŭ kaj post la milito. Kaj ĉu ne estas metafiziko en la " Preĝo sub la Verda Standardo " ? Mi persone preferus kro-

nologian ordon de la poetoj kaj aldonon ĉiufoje de fonto de inspiro ekz. amo, religio, infano, idealo ktp. Mi scias ke la homo de la fino de la antaŭa jarcento estis tute alia ol la nuntempa homo. Mi scias ankaŭ ke la literatura formo evoluis. Sed el la naturo de nia lingvo, tio okazis malpli en Esperanto ol en nacia lingvo : nur malplia uzo de kelkaj afiksoj kaj plia (multe plia) uzo de neologiismoj ! Nia antologio donas glosaron de kvin kaj duona paĝoj ! Rilate al la neologismoj — pri kio ni legas pli kaj pli da kondamnaj artikoloj en la naciaj Esperanto-revuoj : leviĝis eĉ la aŭtoritata voĉo de Julio Baghy en " Pola Esperantisto " — mi tuj diru ke ankaŭ mi kontraŭstaras la ne absolute necesajn neologismojn. Sed aliflanke mi devas diri ke pere de ili ekestis kelkaj belegaj poemoj.

Tiu antologio havas, i.a. multajn meritojn, ankaŭ tiun ke ĝi vekiĝos en la leganto la deziron por plu legi la verko(j)n de kelkaj aŭtoroj. Ni prenu ekz. Marjorie Boulton. Post legado de la ĉi-tieaj poemoj oni nepre volas legi ĉiun poemon kiu aperas de ŝi. Ŝi tiel frapas ; la profundaj kaj ofte inter si kontraŭaj sentoj en la homo estas tiel bone diritaj ; la enbildigo estas ofte tiel imagoriĉa kaj tiel krea ; oni preskaŭ ĉiam havas la senton ke ŝi DEVAS diri ion, ke ŝi havas iun mesaĝon: tiel ke oni volas pli koni tiun personecon kaj ke oni volas sekvi ŝian evoluon. Kaj kiam poste oni legis ekz. " Kontralte " oni konscias stari antaŭ vere granda poetino. Tiu deziro por plu legi de iu aŭtoro vekiĝos kompreneble ĉe pli multaj okaze de la poemoj de R. Schwartz. Liaj tie-ĉi publikigitaj poemoj estas tiaj ke oni ĉiam plu kaj plu volas ĝui tiun vortartiston. (Liaj poemkolektoj preskaŭ elĉerpiĝis. Rapidu, leganto ! Nia instituto havas ankoraŭ kelkajn.) Mi ĝojas ĉar ne troviĝas tie-ĉi unu de liaj tro spicitaj kreaĵoj. Estas ja bedaŭrinde ke sur preskaŭ ĉiuj liaj volumoj troviĝas tia makulo : io kio pasas la limojn de la deco. Lia, laŭ mia opinio, plej burleska poemo, " Senhareco " ne estas en la antologio.

Mi forte bedaŭras ke de Brendon Clark estas nur unu-ankaŭ se longa-poemo. Lia tro mallonga vivo, en kiu la cirkonstancoj longtempe malhelpis Esperanto-laboron, kaŭzis neripareblan perdon por nia poezio. Sed la malmulto kion li postlasis apartenas al la plejbono. Rimarku ankaŭ ke liaj poemoj estas preskaŭ ĉiuj sen elizioj. Kaj tiaj poemoj staras teĥnike super la poemoj kun elizioj. Oni pli facile legas kaj komprenas kaj elparolas ilin. Kial ekz. Cl. Piron en la cetere tre bela poemo " La soldato kiu marŝas " ne aldonis la o-finaĵon al serĝento, tento, bordo, sorto, pelo, celo, escepto, akcepto ? Mi ne vidas regulon tie-ĉi. Kaj ankaŭ se iu regulo postulus — certe devas ekzisti reguloj — oni pripensu ke la regulo devas servi la poezion ! Ne inverse ! Mi ne volas lasi la okazon represigi mallongan poemon de Brendon Clark kiun ĵus publikigis ankaŭ la " Norda Prismo ", por doni ideon pri la aŭtoro.

SIMPATIO

Kiel homo, kiu en tro varma tego
kaŝe dormas apud la trankvila lago;
tiel, lacigite de la vivturmento
danke apud vi mi sidas en silento.
Vortoj, nura narkotilo por la menso
pli konfuzas al la konfuzita penso.
Al animo lumo de l' animo venas:



kion mi ne diras, tion vi komprenas.

Estas nemalhelpeble ke kelkaj legantoj malŝatos kelkajn poemojn. Mi pensas ekz. pri "Ebrio" de W. Auld sur paĝo 414. Eble mi povas katalogi ĝin en la eksperimenta poezio. Tamen ĝi estas poezio. Per kripliĝo de vortoj ĝi tre bone sugestas la staton de ebrio. Estas tute nature ke mi memoras nun rakonton de M. Boulton " Ebrivirgeco " kiun publikigis " La Nica Literatura Revuo ". Kiu de ambaŭ inspiris la alian ? Ĉu tute seninflue tiuj du aparte laboris kaj kreis ?

Mi bone komprenas ke G. Waringhien miras ĉar li troviĝas ankaŭ en la antologio ; per poemeto kiu fakte ne estas poemo. Mi konas Waringhien kiel talentan poezi-tradukanton. Mi ŝatus ankaŭ legi originalaĵojn.

Mi ne forgesu noti tie-ĉi ke la libro enhavas 14 paĝojn da biografiaj notoj pri ĉiuj verkistoj.

Laŭ vasteco nia 70jara literaturo estas evidente ne komparebla al la naciaj literaturoj. Tiuj lastaj estas en la ebleco publikigi apartajn antologiojn de religia poezio, de infanpoezio, naturpoezio k.m.a. Ĉe ni tio ne estas la kazo. Efektive kelkaj inspirotemoj en vere valora poezio estas malofte troveblaj en Esperanto. Ĉu ekz. vi konas multajn belajn religiajn poemojn en nia lingvo ? Ankaŭ en tiu-ĉi antologio oni ne trovas.

Estas do despli bedaŭrinde ke ne aperis (verŝajne W.A. ne konis ĝin) la laŭ mi belega

" KRISTNASKO "

de nia bedaŭrata Juul Karnas :

Alvokas la sonorilet'
al preĝo.
Kovriĝas ĉio per tapet'
de neĝo.
Preĝejon iras tra malhel'
modesta karavano ;
ĉar dum ĉi-tiu nokto el ĉiel'
naskiĝos Kristinfano.
Kandeloj flagras sur l'altar'
dum preĝas nun Kristano ;
kaj supre el la anĝelar'
naskiĝas Kristinfano.
Nun ĝojas ĉiu sur la ter'
en domo kaj kabano.
Revenis paco kaj esper' :
naskiĝis Kristinfano.
Alvokas la sonorilet'
al preĝo.
Kovriĝas ĉio per tapet'
por Reĝo.

Ne kontraŭargumentu ke ĝi estas iom " simpla ". Mi volas memorigi ke ekzistas eble nenio pli simpla ol la muziko kaj la teksto de " Paca nokt' ; sankta nokt' ". Tamen ĝi konkeris la mondon kaj mi mem estas tuŝata plej profunde ĉiufoje kiam mi aŭdas ĝin. La sama validas por la poezio kun la " infano " kiel inspiro fonto. Certe devus havi lokon la ĉi sekvanta de Aini Setälä :

Infano, antaŭ viaj piedetoj
eĉ potenculoj kun humil' genuas.
Per viaj rozpetalaj manfingretoj
malbenojn, koran froston vi detruas.
Ĉe via lito ne ekzistas tia
malico, kiu ne fariĝas beno.
Sub via sunokul' forbrulas ĉia
amaro, skeptikemo kaj veneno.
La serĉa palp' de via mano varma,
ho kiom ĝia teno nin katenas !
Aŭtunas se vi alrigardas larma ;
printempajn birdojn via rid' entenas.

Jen kiu prikantas la infanon. Mi konas alian kiu priskribas infanan psikologion. Ĝi estas de S-ino Cath. J. Roskes-Dirksen :

INFANPREĜO

Patro nia en ĉielo,
paĉjo diris ĝin al mi
ke forprenis Vi patrinjon
ĉar Vi amas ŝin, ho Di'.
Mi ricevis novan pupon
kun lulil', laŭ mia peto ;
sed ne volas mi ludadi
sen la kara patrineto.
Bono via, granda Dio,
estas sen komenc', sen fin' ;
do, redonu al mi panjon

aŭ forprenu ankaŭ min.

Ankaŭ Marie Hankel vi ne trovos en ĉi-tiu libro. W. A. konscias kaj senkulpigas sin dirante ke aŭ la poemoj " ne restis freŝaspektaj " aŭ ke li ne konis ilin. Nu, ĉu li konis, kaj se jes, kion li opinias pri la sekvanta :

ESPERANTUJO

Mi ion deziras; mi havas demandon.
Mi serĉas jan tre belan landon :
lando kun por mi florantaj floroj;
kie varmege batas la koroj.
Ho lando belega, ĉu vi ekzistas ?
Sur nia tero kie vi troviĝas ?
Ho lando, ege deziregata,
kie vi estas, ho mia amata ?
Al via demando mi scias respondon.
Amikaj koroj plenigas la mondon.
Lando jam estas trovata :
« Esperantujo » ĝi estas nomata.

Laŭ mi, ankaŭ iom simpla ; sed tamen ĉarma, kaj freŝaspekto. Kaj ni ne ankoraŭ reliefigis tiun alian econ ke ĝi montras kiemanere la Esperantoidealo plenigas ies animon.

Resume mi diros ke tiu-ĉi antologio plene, plene kontentigas min. Eble vi miras pri tiu konkludo post la kritiko ? Tamen estas tiel. Estas ja ne-eviteble ke oni diras kelkloke : " mi opinias bedaŭrinda ke io . . . kaj bedaŭrinde ke ne tio . . . ". Se mi estus kolektinta antologion, tiam verŝajne mi publikigus libron kiu kontentigus nur min mem. La Esperanto-antologio estas bonega kaj belega kaj literatura monumento pri kiu ni fieru !

En la enkonduko, sur paĝo 25, W. A. diras : Mi esperas ke de nun oni rigardos samideanon, kiu ne konas almenaŭ la ĉefajn poemojn en ĝi, kiel senhontan ne-edukiton aŭ analfabeton ". Tro severa juĝo ! ! Tute certe, la nekapablo ĝui poezion estas manko en la personeco kaj grava malhavo de fono de feliĉo en la vivo. Sed mi konas meritplenajn samideanojn, kiuj ne estas senhontaj ne-edukitoj, kaj kiuj tamen ne konas nian poezion entute. La kaŭzo ? Ofte la troŝarĝita vivo kiu faras ke oni vole nevole devas komplete forlasi kelkajn terenojn kaj aktivojn. Kaj kiam oni depost jaroj estas forlasinta ilin, oni ne plu kapablas reenmoviĝi. Sed alian eldiron de la kompilinto, sur paĝo 26, mi faras tute la mian : "kursgvidantoj (kaj mi aldonas : programestroj de Esperanto-grupoj) uzu la antologion " ! Mi mem spertis. Kiam la kursanaro konsistas parte el studentoj kaj kleruloj, ili demandas : ne plu la banalaj frazoj por ilustri iun regulon, sed interesaj sentencoj kaj poemoj. Tiam la kurso (la kunveno) iĝas multe pli vigla kaj interesa.

Mi legis en iu kritiko ke nun devus ankoraŭ aperi antologio de originala prozo. Mi konfesas ke tia libro multe malpli allogas min. Citaĵoj el prozaj verkoj ne donas tuton, donas nur fragmentojn. Oni tamen povas ĝui kaj juĝi se la citaĵo estas mallonga rakonto, aŭ en la tuto iu kompleta priskribo de situacio aŭ de karaktero. Mi havas tamen deziron : antologio de tradukita poezio ! Multaj de niaj poetoj ankaŭ tradukis bonege, belege, majstre. Sed tiu-ĉi antologio estas " klasika " ! Kiel en la " klasikaj humanismaj studoj " oni lernas kun Greko kaj Latino samtempe la saĝon de la antikvuloj, tiel oni povas per tiu-ĉi antologio lerni kun Esperanto samtempe la aspirojn kaj la profundan internan vivon de gesamideanoj kiuj estis (estas) kaj naciaj kaj supernaciaj cerboj kaj animoj.

F. R.



## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Prezidanto :** S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
**Vicprezidanto-Kasisto :** S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
**Vicprezidantino :** S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
**Ĝenerala Sekretario :** S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo" Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

### Antverpeno

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25, Presaĵoj — Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Lge Gasthuisstr. 6, Ŝuoj — Tel. 32.62.86
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikaĵoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. — Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en tagĵurnaloj. — Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68, Apotekejo — Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. — Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto — Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. — Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55
**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59
**« In 't Duifken »** (**S-ano Paesmans**), Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60: Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Merceraĵoj. — Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. — Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. — Tel. 39.17.09

### Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. — Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale natur-ŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. — Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

### Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone ; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67
**Farmacisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

manufakturaĵo firmo DE BROUWERE

Magdalenastraat, 29, Kortrijk (Belgujo) - Tel. (056) 216.54



# VIRINAJ BLUZOJ KAJ JUPOJ
# " MAGDELEINE "

deponita kvalitmarko

la perfekta konfekcio

fabrikita el plej bonaj svisaj teksaĵoj

Haveblaj en la bonaj konfekcibutikoj



PRECIPAJ CENTROJ:

| | | |
|---|---|---|
| Antwerpen | : | Aalmoezenierstr. 17 |
| | | Abdijstr. 57 |
| | | Anselmostr. 17 |
| | | Nationalestr. 87 |
| Arlon | : | Marché-aux-Legumes 16 |
| Brugge | : | Breidelstr. 8 |
| Brussel | : | Galerie d'Ixelles 9 |
| | | Bd. Anspach 194 |
| Eupen | : | Kirchstr. 14 |
| Gent | : | Brabantdam 25 |
| Herstal | : | Rue Large Voie 4 |
| Leuven | : | Bondgenotenlaan 49 |
| Luxembourg | : | Place de la Gare 67 |
| Roeselare | : | Ooststr. 124 |
| Tournai | : | Rue Royale 75 |
| Turnhout | : | Herentalsstr. 6 |
| Verviers | : | Pont St. Laurent 2 |


DRUKK. H. DE BAENE-SERCU, DELAPLACESTRAAT, 3, SINT-KRUIS – TEL. 346.36